REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

FONDITA en 1908 - TRIA SERIO

33a Jaro - Nº 230 - Jan - Feb 1965

# FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.

# KARAVANO AL VIENO

Tiuj, kiuj ne iros al TOKIO havos tamen dum la somero 1965, la okazon viziti internacian kunvenon.

Por tiuj samideanoj, estas organizata la EUROPA ESPERANTO KONFERENCO en VIENO, kun alloga programo kiun oni povas legi sur alia paĝo de tiu numero.

U.F.E. intencas organizi peraŭtobusan karavanon por iri al kaj reveni el tiu semajno laŭ la jena programo:

10/7 - Foriro el Parizo, Nancy, Strasbourg, Stuttgart (tranoktado).

11/7 - Foriro el Stuttgart, Munkeno, Salzbourg, Linz, Vieno (Ni antaŭvidas alvenon sufiĉe frue por ĉeesti la balon). Loĝado.

I2/7 ) Partopreno en la programo de
ĝis )
16/7 ) la Esperanto Konferenco

17/7 - Foriro (matene) el VIENO, al St-Margrethen (Svisujo) kaj tranoktado.

18/7 - Foriro el St-Margrethen, Basel Troyes kaj Paris.

La prezo por tiu karavano estos <u>298 frankoj</u> kaj entenos la ir- kaj re - vojaĝon per aŭtobuso, manĝojn survoje kaj tranoktadojn en Stuttgar kaj St-Margrethen.

Ĉar ni foriros la 17/7 frumatene, ni aranĝos propran viziton al la Imperiestra Restadejo Schonnbrünn, la I2/7 posttagmeze dum la programero "libera posttagmezo".

Ni esperas, ke tiu propono plaĉos al niaj membroj, kaj ke ili tre baldaŭ sendos sian aliĝon, kune kun antaŭpago de 100 F.

Ni atentigas ke estos necese havi validan pasporton.

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**SECRETARIAT : Mlle Y. PAULIER** - Le secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h à 12h et de 14 h à 18 h.( sauf dimanches et mardis ). Pour toute réponse, joindre un timbre ou une enveloppe timbrée à votre adresse. Pour tout envoi d'argent précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.

**REDACTION : M. Jean THIERRY** UFE 34 rue de Chabrol - PARIS ( 10 ème ) .
Téléphone : PRO. 55-03

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction ( double interligne ). **Tous les articles ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

**COTISATIONS** : Le détail en a paru dans le précédent numéro.


EUROPA ESPERANTO KONFERENCO - VIENO-

sub la devizo

ESPERANTO EN LA PRAKTIKON!

Provizora Programo

11-V11: Akcepto de la konferencanoj en Vieno - Balo.

12-V11: Malfermo de la Konferenco, ĉefreferaĵo; liberaj post - tagmezo kaj vespero.

13-V11: Ekskursoj per aŭtobusoj (kaj kablofervojo) al la montoj RAX (2000 m) aŭ al SEMMERING (1000 m), aŭ al NEUSIEDLER-SEE (lago), aŭ al abatejo Göttweig kaj Melk.

14-V11: Paroladoj kun prezentado de lumbildoj (aŭ filmoj) pri la temo "ESPERANTO en la ekonomio, en la politiko, en turismo". Gvidadoj tra la urbo.

15-V11: Ekskurso per ŝipo tra la Danuba Valo "Wachau".

16-V11: Finaj paroladoj.Ekskurso sur la Vienan monton Kahlenberg kun vizito de "Heuriger" en Grinzing (vin-gastejo por samjara vino).

17-V11: Gvidado tra Schönbrunn (Imperiestra somerrestadejo). - Libera posttagmezo kaj adi - aŭa vespero.

mmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmm

57ème CONGRES NATIONAL D' ESPERANTO: LE HAVRE

Premières adhésions enregistrées: MMmes MM. LLECH-WALTER, MAMMAUX, E. GASSE, BOSC, GIBAUX, SANTREUIL, C. SUCHAREAU, JOUYS, AUBRUN, ROUSSEAU, BOURDEAUX, MAHE, GUILLAUME.

- o - o - o -

Le Comité d'organisation souhaite que les réservations de chambres lui parviennent le plus rapidement possible, leur nombre étant limité.

- o - o - o -

# Bulletin d'Adhésion au 57e Congrès National d'Espéranto

à envoyer 33, rue Saint-Michel - LE HAVRE

Je soussigné : NOM .................................................... Prénom ..................................................

Adresse ..............................................................................................................

déclare adhérer au 57me Congrès National d'Esperanto.
Je serai accompagné de ........ membre.... de ma famille.
Je désire participer à l'excursion et au repas du lundi 7 juin.
Je désire participer uniquement au repas du lundi 7 juin.
J'adresse au 57me Congrès National d'Esperanto :

— un chèque bancaire, ou
— les trois volets d'un virement postal, ou
— un mandat-poste de Fr. : ..........................................................

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| — ........ adhésion au Congrès | à Fr. 7 | = ........................ | jusqu'au 28 février 1965. |
| — ........ » » | Fr. 4 | = ........................ | conjoint et étudiant. |
| — ........ » » | Fr. 10 | = ........................ | après le 28 février. |
| — ........ » » | Fr. 6 | = ........................ | conjoint et étudiant. |
| — ........ adhésion d'honneur | Fr. 6 | = ........................ | |
| — ........ banquet du dimanche | Fr. 15 | = ........................ | |
| — ........ excursion + repas lundi | Fr. 30 | = ........................ | |
| — ........ repas seul lundi | Fr. 15 | = ........................ | |
| — ........ arrhes pour chambres (50 %) | | = ........................ | |
| — ........ don personnel | | = ........................ | |
| **Total** | | = ........................ | |

Date : ........................................ Signature :

Je désire ............ fichets de Congrès pour réduction de voyage S.N.C.F.

**LOGEMENT**

NOM : ........................................ ........................................

arrivant le ........................ à ........................ ........................ à ........ heures

repartant le ........................ à ........................ ........................ à ........ heures

désire occuper, dans un Hôtel de ............ catégorie :

— ............ chambre.... à ............ lit ............ place à Fr. ........................ (environ)

— ............ chambre.... à ............ lit ............ place à Fr. ........................ (environ)

Le ........................ 1965 Signature :

**UNION FRANÇAISE POUR L'ESPERANTO - 34, rue de Chabrol - PARIS-Xe**

# Renseignements

**ADRESSE** : 57me Congrès National d'Esperanto.
33, rue Saint-Michel - LE HAVRE.

**SIEGE DU CONGRES** : Salles François 1er - Boulevard François 1er - Porte Océane.

**ENVOI DES FONDS** : 57me Congrès National d'Esperanto, 33, rue Saint-Michel, LE HAVRE, par chèque bancaire, ou par virement postal muni de ses trois volets, ou par mandat-poste.

**ADHESIONS** : Jusqu'au 28 février 1965 : 7 Fr. - Conjoint et Etudiant : 4 Fr.
Après le 28 février : 10 Fr. - Conjoint et Etudiant : 6 Fr.
Adhésion d'Honneur : 6 Fr. (donne droit à l'insigne et au Livre de Congrès pour ceux qui ne peuvent y assister).

**DATES LIMITES** : Adhésion au Congrès : 15 mai 1965.
Réservation de chambres : 31 mars 1965.

**LOGEMENT** :

| | A<br>1 personne | B<br>2 personnes |
|---|---|---|
| Hôtel 1re catégorie | 10 Fr. | 12 Fr. |
| » 2me » | 12 Fr. | 17 Fr. |
| » 3me » | 15 Fr. | 20 F. |
| | + taxes 15 % | |

Nous insistons particulièrement sur la nécessité de nous faire connaître au plus tôt le nombre de chambres à retenir aux Congressistes ; nous ne pourrons tenir compte des réservations non accompagnées de leur montant.
Après le 31 mars 1965, le Comité d'Organisation ne pourra plus répondre de la location des chambres.

**BANQUET** : (Dimanche) : 15 Fr.

**EXCURSION DU LUNDI** : Repas, voyage en car, visites : 30 Fr. - Repas seul : 15 Fr.

# UNION FRANÇAISE pour L'ESPÉRANTO

## 57e CONGRÈS NATIONAL D'ESPÉRANTO LES 5-6-7 JUIN 1965 AU HAVRE

**Sous la Présidence d'Honneur de M. le Maire du Havre et de diverses personnalités havraises**

**COMITE D'ORGANISATION :** Présidents d'honneur : MM. E. GASSE et M. BOSC

Le Président G. MAMMAUX et le Groupe Espérantiste du Havre

## PROGRAMME

### SAMEDI 5 JUIN

9 heures : Accueil des Congressistes. Salles François 1er (au pied de la Porte Océane).

14 heures : Conseil d'Administration de l'Union Française d'Espéranto.

15 heures : Réunion des Jeunes.

16 heures : Réunion des Délégués de l'Association Universelle d'Espéranto (U.E.A.).

21 heures : Présentation de films documentaires en Espéranto.
Présentation du film de J. Mahé : "Angoroj".
Dans le courant de la matinée et de l'après-midi, les personnes qui le désireraient pourraient participer aux visites de la ville (organisées par le S.I. Durée : 2 heures 1/2. Coût : 20 Francs).

### DIMANCHE 6 JUIN

8 heures : Services religieux.

9 h. 30 : Ouverture du Congrès et première séance de travail.

12 heures : Réception par la Municipalité. Photo en commun.

12 h. 30 : Banquet (15 Fr. tout compris).

15 heures : Reprise des travaux du Congrès.

17 heures : Concours d'orateurs.
Dans le courant de la journée : visite facultative des ports, en vedette.

21 heures : Varieta vespero aŭ ŝippromenado kun muziko.

### LUNDI 7 JUIN

8 heures : Départ pour le circuit touristique par Tancarville, Yvetot et Fécamp.

12 h. 30 : Déjeuner à Fécamp.

14 h. 30 : Visite de la Benédictine. Retour par Etretat et ses falaises.

Vers 18 h. 30 : Arrivée au Havre (Gares S.N.C.F. et Routière) pour le train de 19 heures.

## FECAMP

Ĉarmplena normanda urbo, kiu kaptas atenton de ĉiuj naturamantoj per sia pentrinda pejzaĝo. Elegante kuŝanta de okcidento al oriento, inter belaj kaj altaj klifoj, ĝi prezentas senĉesan aktivecon, kaj ĝiaj belaspektaj magazenoj oferas ĉiajn artiklojn troveblajn en la homdensaj urboj. Ĝia haveno estas la plej grava en Franclando pri ekipado de ŝipoj por la grandskala fiŝkaptado (speciale haringoj kaj skombroj). Ĝia digo-promenejo, preskaŭ unu kilometran longa, ĝia nova kazino, ĝiaj klifoj kaj rokejoj, ĝiaj gajigaj valoj igas Fecamp-on unu el la plej belaj turismejoj. Vidindaĵoj : la abateja preĝejo de la Triunuo, historia monumento, bela specimeno de la normanda arkitekturo de la XI-a kaj XII-a jarcentoj ; la restaĵoj de la iama fortikaĵaro de la Dukoj de Normandio (X-a kaj XI-a jarcentoj) ; urba muzeo de pentrarto ; preĝejo al Sta Stefano, de aparta Renesanca karaktero ; la urbodomo, malnova konstruaĵo de la monahejo de la Benediktanoj ; la kapelo de Nia Sinjorino de la Savo, sur la almonta klifo. Kaj kiu parolas pri Fécamp, tiu pensas pri "Bénédictine" : fame konata likvorfabrikejo kun vizitinda muzeo.

## ETRETAT

Pentristoj, impresionistoj, verkistoj (Maupassant kaj Maurice Leblanc) laŭdis la famajn klifojn, ĉizitajn de la maro. Pro ĝiaj arkeoj kaj ĝiaj gigantaj pintoj, Etretat estas unu el la plej belaj pejzaĝoj de la francaj marbordoj. Unue vilaĝo de la fiŝkaptistoj, ĝi fariĝis laŭmoda sablobordo je la fino de la jarcento. Ĝi nun estas vivanta restadejo dotita per bela strando el delikata gruzo frapata de klara akvo, de kazino, de golfejo pompe taŭgaranĝita sur la flanko de la klifo. Preĝejo de la XII-a kaj XIII-a j.c. kaj antikvaj foirhaloj. Sur la almonta klifo staras nova memoriga monumento al la pioniroj de Atlantiko, aviadistoj Nungesser kaj Coli, kies "Blankan Birdon" oni vidis tie lastafoje.

# LE HAVRE OCEANA PORDO...

*ATENDAS VIN !*

En verda Normandio, plibeligita de siaj pomarbaj floroj gaje movantaj pro l'mara venteto, vi trovos nekonatan de vi provincon.

Malnova, riĉa, tiu parto montros al vi folklorajn dometojn faritajn el tero kaj ligno, kovritajn per pajlo ; vi konatiĝos kun regiono plenplena de historio, riĉa de riĉaĵoj de estinteco : preĝejoj, abatejoj, kasteloj, sed ankaŭ surprizos vin ĝiaj plaĝoj, kaj ĝiaj modernaj kaj eĉ luksaj realigaĵoj... Vi malfacile trovos aliloke en la mondo tiom da historiaj arkeologiaj memoraĵoj, miksitaj kun tiom da riĉeco kaj ekonomia aktiveco.

Fondita en 1517 laŭ ordono de la reĝo Francisko 1a, Le Havre iĝis iom post iom la ĉefa Francuja haveno en Okcidento. Ĝi estis terure difektita de la milito 1939-1944, sed nun la urbo estas novrekonstruita kaj entenas preskaŭ 220 000 loĝantojn. Aero, spaco kaj lumo harmonie ludas en tiu urba kreaĵo proksime de mara pejzaĝo.

Malnovaj monumentoj sukcese rezistis je bomboj : vidindaj Sankta Mikaelo de Ingouville, kaj la Abatejo de Graville, en kiu oni trovas Muzeon pri arkeologio. Meze de la urbo, preĝejoj Notre-Dame kaj Sankta Francisko estas, kun kelkaj aliaj domoj, el kiuj la Muzeo de Malnova Havro, la atestantoj de riĉeco de la havraj ŝipekipistoj de la XVIIa kaj XVIIIa jarcentoj, je la epoko de komerco kun la "Insuloj".

Nun la regotempo de modernaj konstruteknikoj elmontras la Potencon de betona kaj vitra tutaĵoj : Urbdomo, kies turo ŝprucas je 72 metroj alte, Sankta Josefo kies kruco kulminas je 106 metroj, elkavigita interne ĝis 80 metroj, Komerca Ĉambrego, Muzeo pri Belaj Artoj, unua Kultura Domo en Francujo, kaj plej moderna muzeo en Eŭropo, Larĝaj avenuoj, urbaj ĝardenoj, ĝardendomaroj, duvoja Tunelo kompletigas la tuton.

La aŭtonoma havra haveno kun siaj modernaj instalaĵoj estas ideala haltejo por kurierŝipegoj kaj ŝarĝŝipoj. Ĝia jara trafiko atingas 21 000 000 da tunoj por pli ol 11 000 ŝipoj. Ĝi estas la liniokapo de plej gravaj ŝipkompanioj el ili la Ĝenerala Transatlantika Kompanio. La plej bela spektaklo, ĉiam renovigata, estas donata de la 40 kurierŝipegoj, kiuj regule vizitadas

la havenon, kun "FRANCE", la plej granda, "UNITED STATES" la plej rapida, "ROTTERDAM" la plej bela kurierŝipo. Kontraste, centoj da blankaj kaj kolorigitaj veloj papilie vivigas la rodon aŭ venas sin ŝirmi en siaj privataj basenoj. Vasta plaĝo etendiĝas de la havena digo ĝis la terpinto de La Heve. Ĉiuj navigaj sportoj kaj fiŝkaptado estas praktikataj. Vi povos viziti kurierŝipegon, viziti la havenon surŝipe kaj profiti je moderna hotelaro, je tendumejo kun belega vido super la maro, kiuj donos al vi agrablegan kaj facilan restadon je 200 km de Parizo.

**OCEANA PORDO...**

**ATENDAS VIN !**

**... kaj kredu, ĝi valoras la viziton !**

## TANCARVILLE

Posedas feŭdan kastelon, sed ĝia renomo venas el ĝia pendoponto. Tiu ĉi estas la plej longa (608 metroj inter la pilonoj, 1 400 m. laŭ tuta longeco) kaj la plej alta (48 m. super la akvoj pilonoj je 125 m.) en Eŭropo, la tria en la mondo. La kabloj estas fiksitaj dekstre borde ĉe la alta klifo, kaj ankritaj maldekstre borde en bloko el betono pli ampleksa ol triumfarko en Parizo. De la ponto grandiozan panoramon oni havas, ankaŭ de la teraso de la antikva kastelo.

## LILLEBONNE

Industria urbo, estis impona centro, dum la galla kaj gallo-romia epoko : tre rimarkinda muzeo de lokaj kaj folkloraj antikvaĵoj en la urbodomo. En Lillebonne (lat. Juliobona) staras bela preĝejo kun gotika pinto, sed ĝia fameco venas de ĝia romia teatro en duoncirkla formo.

## N.-D. DE GRAVENCHON

Tute nova urbeto, naskita el la petrola industrio, kies distila-dajn turojn, rezervujojn, k.t.p. oni vidas sude laŭborde de riverego Sejno. Moderna urbdomo, kaj kelkajn metrojn pli malproksime, el moderna kaj nova stilo preĝejeto.

## VILLEQUIER

Unu el la plej grandiozaj pejzaĝoj de la malalta Sejno. Tiuloke Léopoldino Hugo kaj ŝia juna edzo dronis dum 1848. Iliaj tomboj, ankaŭ la tombo de Adèle, edzino de Victor Hugo estas en la malgranda tombejo. Ilian domon nune oni taŭgaranĝis, kiel memoraĵan muzeon.

## CAUDEBEC

Tiu ĉi eta florumita urbo, kaŭra en kurbaĵo de Sejno, estas fama pro la tiel nomata maskareto, kiun oni vidas kun la plej granda amplitudo dum la ekvinoksaj tajdoj. La preĝejon, el flamgotika stilo, rimarkis Henriko la IV-a, kiu diris, ke "ĝi estis la plej bela kapelo el la reĝlando". La domo de la Templokavaliroj ŝirmas etan muzeon pri loka historio. Bela urbeto kun agrabla promenejo laŭ la Sejno.

## ST-MAURICE D'ETELAU

Superstaranta la Sejnon, la kastelo de St-Maurice d'Etelau, el ogiva stilo de la XV-a jarcento lukse bela nobela restadejo.

## MAULEVRIER

En mezepoka nobeldomo staras la stacio de "Radio-Normandio".

## ALLOUVILLE

Jarmila kverko ŝirmas tri kapelojn en sia grandega trunko. Unika kuriozaĵo, vidinda.

## YVETOT

Posedas unu el la plej kuriozaj religiaj nuntempaj konstruaĵoj : la preĝejon al Sta Petro. Tute farita el rozkolora cemento, ĝi aspektas en formo ronda. La belaj vitraloj, de Max Ingrand, rakontas la historion de la normandaj sanktuloj.

ĈU NECESAS PETICII?
===================

Evidente! Eĉ se oni ne kredas je la fina sukceso, oni devas klopodi por atingi imponajn ciferojn.
Krome tio donas okazon paroli pri nia afero kaj montri ke ni ekzistas.
Ĝis nun, en mia departemento subskribis 2 senatanoj kaj 2 deputitoj, kaj la departementa instanco "ĝenerala Konsilantaro".
Por la unuaj, kvankam mi ne konas ilin persone (krom unu), mi sendis leteron por akompani la peticion kun koverto afrankita (kun mia adreso).
Por la ĝenerala konsilantaro, necesas koni unu konsilanton, kiu favoras Esperanton, kaj kiu konsentos prezenti ĝin kiel "ne politikan deziresprimon."
Notinde estas ke la dua sesio okazos en marto-aprilo. Mi klopodas atingi ankaŭ multajn urbestrojn, aŭ multajn urbestraranojn. La afero estas pli facila, ĉar jam voĉdonis la deziresprimon la "ĝenerala konsilantaro".

L E N T A I G N E
================

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

LES MYSTERES ROSICRUCIENS
---------------------



"Ni daŭre bedaŭras, ke niaj francaj revuoj pli kaj pli velkas, ĉar ili ne povas unuiĝi.
"Pli valorus unu sola bela revuo ol tri preskaŭ senvaloraj. Ni forte deziras tiun unuiĝon".

Opinio de Profesoro JULIEN
(Aix-en-Provence)

oooooooooooooooooooooooooooooooooooo

LA REVUE FRANCAISE D'ESPERANTO
(Franca Esperantisto)
deziras al ĉiuj siaj legantoj kaj amikoj, ĉion bonan dum la nova jaro
La ĉefredaktoro aparte dankas ĉiujn personojn, kiuj sendis al li bondezirojn; ili trovu ĉi tie lian afablan kaj reciprokan respondon.

nnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnn

ANTIKVA TERTREMA MONTRILO
========================

Dum la tempo de GANG HENG, fama astronomo (76-139 p.k.) okazis ofte tertremoj. Li inventis en la jaro 132 p. k. tertreman montrilon, la unuan sismologian instrumenton enla mondo.
Ĝi estis muldita el kupro barelforme kun diametro de 2,7 m. Ĉirkaŭ ĝi estis almulditaj 8 drakoj sin direktantaj al ĉiuj direktoj.Ĉiu drako havis kupran globeton en la buŝo kaj sur la planko, ĝuste sub la drakbuŝo sidis ok kupraj ranoj kun larĝe malfermita buŝo. Se ie okazis tertremo, el la buŝo de la drako de la koncerna direkto ekfalis la kupra globeto en la buŝon de la rano kun tinto.
Aŭdinte la sonon oni povis pririgardi kaj ekscii en kiu direkto okazis tertremo. La instrumento pruviĝis tre preciza montrilo per la kelkaj tertremoj okazintaj en Luojang. Sed foje iu globeto ekfalis kvankam la tero ne tremis. Iuj ekdubis, sed poste oni eksciis pri tertremo okazinta pli ol 500 km for de Luojang.
(el "EL POPOLA ĈINIO N°2/64)

# VIVA DE LA GRUPAJ !

CALAIS - La klubo fariĝis asocio de la urba kultura centro. Krome, la urba biblioteko enhavas jam 100 librojn kaj broŝurojn en kaj pri esperanto.

Nova sidejo de la grupo: Centre Culturel Calaisien - Esperanto - 58, rue Gaillard, Calais.

LE HAVRE - La agemaj esperantistoj nuntempe preparas la 57-an Nacian Kongreson, kies aliĝbultenon vi trovos en tiu numero. Rapida aliĝo faciligos ilian laboron.

KENITRA (Maroko) - S-ro THOLLET, en kunlaboro kun S-ro ELIK DAR faras ĉe Radio - Maroc ĉiuvendrede je la 18-a horo, esperanto-kurson de 15 minutoj.

LENS - Esperanto-tago okazos la 28-an de marto en Méricourt. El la tagordo: 10 h.: ekspozicio - 13 h.: komuna tagmanĝo - 15 h.: Distra matineo. Informejo: ESPERANTO, 83 Cité des Cerisiers, Méricourt.

LYON - La loka agema grupo organizis plurajn kunvenojn dum oktobro, novembro kaj decembro. F-no CARRE parolis pri la postkongresa vojaĝo kaj la infanoj, kiujn kondukis F-ino CLAVIER lerte raportis pri la Infankongreseto, kiun ili partoprenis.

PARIZO - Sub la prezidanteco de Pr. FRECHET, membro de la Scienca Akademio, S-ro AGOURTINE parolis, la 27-an de novembro pri la vivo de Generalo SEBERT, pioniro de Esperanto, kiu lernis la lingvon en 1898, fondis en 1905 kun JAVAL la Esperantistan Centran Oficejon. Ĝis sia morto, en 1930, li laboris por la disvastigado de la Internacia Lingvo.

RENNES - Prof. Robert MARTIN gvidas Esperanto-kurson ĉe la seminario de instruistoj en tiu urbo al 20 lernantoj. Ni memorigas ke Prof.- MARTIN prelegos dum la 4-a Kultura Semajno en Grésillon (venonta aprilo

SAINT ETIENNE - La 6-an de decembro, la Esperantistaro festis la 60-an datrevenon de sia asocio, per vizito de la Muzeo, komuna tagmanĝo kaj kunveno posttagmeze dum kiu estis prezentita filmo de Esperantistoj kongresintaj al Sofio tra Jugoslavio.

THIERS - Pioniro de Esperanto en tiu urbo, S-ro Benoit GONON forpasis la 3-an de dec. 1964. Li estis onklo de nia amiko DESSAPT, al kiu ni prezentas, kaj samtempe al la lokaj samideanoj, niajn sincerajn kondolencojn.

Okaze de la Zamenhofa-tago, la tiea grupo honoris lian memoron ĉe la tombejo de Limandons; poste omaĝo al Zamenhof okazis en la strato nomita laŭ lia nomo, kie la grupanoj deponis florojn.

TOURCOING - La loka rondo partoprenis ekspozicion kaj inaŭguron de nova junulardomo, 257 rue de Roncq.

TROYES - Nova grupo estas starigita en tiu urbo; ĉiulunde, funkcias informejo en "Maison des Jeunes" (Junuldomo) 11, rue Gustave Masson. La respondeculo estas S-ro PERARD, 172 avenue Pierre Brossolette, Troyes.

## FRANCAJ ESPERANTISTOJ!

**ĉu vi konas viajn proprajn riĉaĵojn?**

Tute je via dispono estas
la Esperantista Kulturdomo
Kastelo de Grésillon - BAUGE

kiu proponas al vi dum 1965-sezono, laùplaĉe, gastadon, ripozlokon, kaj gvidatajn ekskursojn, kulturajn programojn, kursojn diversajn, ekzamenojn

- o - o -

DUM LA PASKAJ LIBERTEMPOJ:
Tradicia Kultura Semajno
sub la aùspicioj de la
Franca Ministerio pri Edukado,
gvidata de S-ro LLECH-WALTER
prezidanto de U.F.E.

DUM LA SOMERAJ MONATOJ
de la 4a ĝis la 25a de Julio
Preparado al tri ekzamenoj
sub la gvidado de S-ro A. RIBOT

DE LA 25a de JULIO ĜIS LA 8a de AUG.
Internaciaj Turismaj Kulturaj Ferioj (ĉiujare, tiu periodo grupigas diversnaciajn samideanojn).

KULTURAJ ESPERANTISTAJ SEMAJNOJ
de la 8a ĝis la 29-a de aùgusto kun tri esperanto - kursoj, bindado, korbofarado, iniciado al kino-arto, gajaj vesperoj kaj belaj ekskursoj.-

De la 29a de Aùg. ĝis la 12a de Sep.
STUDPERIODO ORGANIZITA DE U.F.E.
kun supera kaj praktika kursoj

-- oo --

Dum JUNIO, la Kastelo povos akcepti la grupojn por unutagaj aù pli longaj restadoj. La Kastelo restos malfermita post la 12/9 se la nombro da interesatoj estos sufiĉe granda.

Detaloj, informoj kaj prezoj por ĉiuj periodoj estos senditaj al la petantoj.

## F O R P A S I S . . .

la 5-an de decembro 1964 mortis en Armissan plej maljuna membro de la Federacio "LANGUEDOC-ROUSSILLON", JULES ESCARRE, 95-jara, esperantisto depost -61 jaroj.Ĉe la entombigo parolis je la nomo de U.E.A. kaj U.F.E S-ro LLECH-WALTER prézidanto de UFE.

Ni ankaù eksciis la morton de Sro PAUL BERNARD, delegito de U.E.A., en la provenca urbeto Sisteron.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Vi helpus Sinjoron CHAREILLE
Moulins des Apprentis
BONNAT (23-Creuse)
sendante al li ĉiaspecajn Esperantaĵojn por ekspozicio de propagando intence de la gejunuloj kiuj pasigas feriojn en la "Muelejoj".

oooooooooooooooooooooooooooooooooooo

Le 25 AVRIL 1965
La Fédération d' Angers organisera,
au Château de Grésillon (Baugé)
une Rencontre InterRégionale

mmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmm

!POLA ESPERANTO ASOCIO!

rekomendas al vi siajn eldonojn:

| | |
|---|---|
| MEDALJONOJ .. .. .. .. .. .. | 4 F. |
| KOLOROJ .. .. .. .. .. .. .. | 4 F.20 |
| QUO VADIS? .. .. .. .. .. .. | 14 F. |

+ sendkostoj

Mendu ilin ĉe LibroServo de U.F. E.-

nnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnn

FONDS POUR LE "SIEGE SOCIAL A PARIS"
(2-ème Liste)

BENAZET k.filino 50F; Anonyme(Strasbourg) 500 F.; CARLUE 10 F.; VILHELM 50 F.; LIENHARDT 57 F.; LARGLANTIER 10 F.; GASSE 10 F.; CHAUVEAU 5 F.; LOISEL 20 F.; BRENDER 10 F.; FARDET 10 F.; H.PHILIPPE 30 F. (à suivre)

# RECENZOJ

33 RAKONTOJ, LA ESPERANTA NOVELARTO" selektitaj kaj prezentitaj de Reto Rossetti kaj Ferenc Szylagyi. STAFETO Belliteratura Serio n°22 - Eldonisto J. REGULO PEREZ, La Laguna (Kanariaj Insuloj) 352 paĝoj. Prezo: 15F. broŝurita, 19F. bindita.

Poezio kaj novelarto estas la plej fruktodonaj branĉoj de nia originala literaturo. Jam antologio de poezioj aperis en 1958, en tiu sama libroserio "Stafeto". Nun J. REGULO, la majstra eldonisto, ĉiam sindonema al la esperanta afero, aperigas antologion de originaj noveloj sub la titolo "33 rakontoj, esperanta novelarto".

Se oni volas vere ke Esperanto, estu iam oficiale akceptita de la aŭtoritatuloj, necesas ke ĝi sukcesu pruvi, krom sian praktikan utilecon, sian valoron kulturan, kaj tiu pruvo estas alportita dank'al tia libro k. pli ĝenerale dank'al la tuta kolekto de la Belliteratura Serio de Stafeto

Novelarto estas pli malfacila ol romanarto, ĉar la koncizo de la stilo kaj prezentmaniero necesigas, flanke de la leganto mem, pli grandan partoprenon al la verko. Plie, la tasko de la esperantaj novelistoj komplikiĝas pro la internacieco de la legantaro, kiu en ĉiu loko de la okcidento ĝis la oriento devas samgrade ŝati tiun literaturaĵon.

La temoj de la verketoj prezentitaj en tiu ĉi libro estas universalaj. Ĉu ne estas efektive universala tiu arda amo naskiĝanta iom post iom sub la pasia plumo de iu virino en la ĉarma novelo de Jean Forge "Ses Leteroj". Kelkaj noveloj estas gajhumoraj aŭ eĉ burleskaj, kiel ekzemple "La ĝendarmo de Joras"de Schwartz aŭ "Malkovro" de Beaupierre; aliaj estas romantikaj, kiel "Doktoro Nekelmo"de Roksano, aŭ "La Liberiĝo de la juĝisto" de Szilagyi; aliaj satiraj kiel "Vivo kaj Morto de Wiederborn" de Conterno, Perfekta Civitano" de Szathmari, aŭ "Venĝo" de Ŝirjaev.

Oni ne povas kompreneble citi ĉiujn bonajn verketojn, ĉar ĉiuj estas bonegaj. Tiuj noveloj estas selektitaj kaj prezentitaj de du el la plej gravaj verkistoj el nia epoko, R. ROSSETTI kaj F. SZYLAGYI. Certe ilia tasko ne estis facila ĉar multnombraj estas la elektindaj noveloj, sed ili plene sukcesis, kaj dank'al tiu antologio multaj valoraj verketoj, kiuj ne plus estis troveblaj, estos denove konataj de la Esperantistaro.

Ankaŭ tre interesa estas la biografiaj notoj pri la aŭtoroj, ĉe la fino de la libro. Oni trovas ne nur la delonge konatajn nomojn de niaj antaŭmilitaj verkistoj sed ankaŭ nomojn de la juna generacio: M.Boulton, Beaupierre, Conterno, Francis, Grum, Rosbach, Takaĉ, ktp...

Ĉiuj bonaj noveloj ne povis trovi lokon en tiu antologio, tial ni esperas ke STAFETO daŭrigos sian gravan rolon en nia kulturmovado, eldonante baldaŭ duan volumon de la Esperanto Novelarto.

L E G R E E

LA SORTO DE LA HOMARO - de MARTINUS, tradukita de Inĝeniero Ib.Schleicher - Eldonejo "Martinus-Instituto" (Kopenhago) 110 paĝoj - tole bindita - Prezo: 5 F.

La eldonado de la verkoj de la dana pensulo MARTINUS daŭras. "LA SORTO DE LA HOMARO" estas la deka libro aperinta en esperanto.

MARTINUS Klopodas starigi science

renovigitan kristanismon. Li pensas ke por kontentigi la nunajn homojn kiuj estas pli kaj pli raciemaj, la kristanismo devas evolui, por ke ĝi konformiĝu al la logiko. Tial per logika argumentado li klarigas sian propran koncepton de la vivo, de la universo kaj - en tiu ĉi libro - de la sorto de la homaro.

En la lasta ĉapitro, li resumas la necesajn rimedojn por plibonigi tiun mizeran sorton de la homo. Kurioze estas ke multak politikuloj - ne religieamj - jam atingis tiujn samajn konkludojn. Tiuj rimedoj estus: altruismo, komunintereso prefere ol privat-intereso, internacia mondregistaro, senarmiĝo, abolicio de la mono, malplilongigo de la labortempo kaj...vegetara nutraĵo!

Malgraù ĝia bona esperantastilo - tiu ĉi filozofa verko estas malfacile legebla.

L E G R E E
===========

FAKTOJ PRI NEDERLANDO - 48 paĝa broŝuro eldonita de la Nederlanda Registaro.
====================

Post Germanujo, Pollando, Bulgarujo, ankaù NEDERLANDO eldonis broŝuron kun la titolo "Faktoj pri..."

Bele presita kaj ilustrita per multnombraj (nigreblankaj) fotoj, la teksto de tiu broŝuro kondukas vin tra la historio, la geografio de la lando. Oni kvazaù vizitas urbojn, farmojn, havenojn, florvendejon; oni ankaù iras super la kampoj aù sur la maro. De tempo al tempo oni haltas en muzeo aù borde de kanalo.

Tiaj broŝuroj estas tre rekomendindaj ne nur al turistoj, sed ankaù al tiuj homoj, kies infanoj ankoraù lernas, kaj bezonas iafoje ĝisdatajn informojn. En tiaj dokumentoj, ili havas ŝancon trovi "la" informon kiu mirigos la aliajn samklasanojn kaj - eĉ - la instruist(in)o! Tiam, bona okazo por montri la utilecon de la Internacia Lingvo.

J.A.R.
======

NIA HISTORIO - verkita de H. A. de HOOG - Esperanto-presejo de K.E.L.I. (Nederlando) - 160 paĝoj - broŝurita 6,50 F.; bindita: 8 Fr.
============

Kvankam malmulta estas la membraro de K.E.L.I. (Kristana Esperantista Ligo Internacia), tre interesa estas la historio de ĝia movado,kiun S-ro H. A. de HOOG prezentas al ni per sia libro "Nia Historio".

Tralegante ĝin, oni povas konstati ke, kiel en la historio de ĉiuj movadoj, la prospero plejofte dependas nur de kelkaj homoj, kiuj senlace penadas transdoni al aliaj sian propran entuziasmon.

Kaj malgraù la malfacilaĵoj, miskomprenoj, malreviĝoj aù eĉ malgraù la cirkonstancoj, tiaj homoj sukcesas atingi sian malegoistan celon.

Oni devas gratuli S-ron de HOOG, ĉar li prenis sur sin la malfacilan taskon elserĉi, kolekti, ordigi kaj prezenti la materialon necesan por verki tiun historion interesan.

L E G R E E
===========

POLLANDO (1944-1964) - Eldonejo: POLONIA - 2 koloraj grandaj mapoj - 100 fotoj - multaj skemoj kaj grafikaĵoj - 265 p. -
====================

Se vi deziras tute koni Pollandon ĝian historion, geografion, industrion, ktp. legu tiun libron. Ĝi povas ankaù esti tre utila al tiuj, kiuj partoprenas la oftajn konkur-

sojn organizitajn de la Pola Radio. Ekzemple en ĉi tiu libro troviĝas la respondoj al pluraj demandoj de la lasta "Olimpika Konkurso"...

Oni konstatas denove ke Pollando estas la nacio kiu plej bone komprenis la utilecon de Esperanto por dis konigi al la tuta mondo interesajn informojn pri si mem. Estas certe ke dank'al tia libro la esperantistoj de ĉiuj nacioj plej bone konos la historion kaj ekonomian vivon de Pollando ol tiu de iu pli granda nacia, Usono aŭ Sovetunio ekzemple.

L E G R E E

NEDERLANDO - Unua poŝ-libro de serio "La Mondo en Koloro". Eldonejo: Bruna Zoon (Utrecht), 64 kolorbildoj - 17 nigraj-blankaj, 104 paĝoj - formato 18 x 11 - glazurita kovrilo. Prezo: 5 F.

Unu el la plej gravaj eldonejoj en Nederlando intencas eldoni novan serion da kolorbildaj poŝ-libroj. Ĉiu libro de tiu serio titolita "La Mondo en Koloroj" priskribos unu landon La unua jam aperinta temas komprenebele pri Nederlando mem. Multaj belaj fotoj montras la plej tipajn pejzaĝojn de ĉi tiu ĉarma lando, kiuŋ jam konas la partoprenintoj de la lasta Universala Kongreso.

La teksto donas informojn sufiĉajn pri la vidindaĵoj kaj eĉ pri la historio de Nederlando. Ni esperu ke la deziro de la eldonisto aperigi tutan serion da tiaj libroj estos plenumita, ĉar tio reprezentas tre bonan propagandilon por nia lingvo. Tial la veraj esperantistoj, kiuj sincere deziras montri sian intereson por la movado, devas aĉeti senprokraste, ĉi tiun unuan libron.

L E G R E E

## LA QUATRIEME SEMAINE CULTURELLE DE L'UNION FRANCAISE POUR L'ESPERANTO

aura lieu du 9 au 16 avril1965, au Château de Grésillon par Baugé

sous le patronage du MINISTERE DE L'EDUCATION NATIONALE,

la direction culturelle de Monsieur R. LLECH-WALTER, président de U.F.E. Monsieur R. BLANC vice-président de U.F.E. et la direction pedagogique de Monsieur TURIN, instituteur, et de Madame TURIN

avec le concours de Messieurs les Professeurs, DUC-GONINAZ, JELLENC - R. MARTIN, S.PRAGANO

Mademoiselle M. C. TURIN

Messieurs BLANC et THIERRY

pour les cours de perfectionnement, de conversation, les jeux et conférences qui figureront chaque jour au programme,

tandis que Mme et Mr BABIN, Mme & Mr JELLENC, Mme et Mr ROUX assureront l'administration.

Le DIMANCHE 11 AVRIL, excursion aux CHATEAUX DE LA LOIRE
et le
JEUDI I5 AVRIL (en soirée) présentation de "ANGOROJ" Film en espéranto de J.L. MAHE

Les réservations de chambres sont à adresser directement à la MAISON CULTURELLE DES ESPERANTISTES à Baugé accompagnés du droit d'adhésion, qui reste fixé à 10 Frs par personne. Les inscriptions des stagiaires sont reçues par M. BLANC, instituteur, à SANCOINS (18-Cher)

"INFANOJ DE LA MONDO SKRIBAS POR VI"
===================================

La supra estas titolo de paĝo en la plej grava jugoslava porinfana gazeto "KEKEC". La subskribanto mem redaktos ĝin.

Krom skribaĵoj kaj desegnaĵoj faritaj de diverslandaj infanoj (inter 5 kaj 14 jaraĝaj) sur tiuj paĝoj aperos fotoj el la koncernaj landoj, priskriboj de ŝatokupoj de la infanoj, adresoj de infanoj kaj lernoklasoj, kiuj deziras korespondi kaj interŝanĝi diversajn objektojn por kolektoj. Kaj, fine, angulon ni dediĉos al kurso de Esperanto por infanoj.

La ricevita materialo estos uzata ankaŭ por ekspozicio, kaj f i n e por presado de monda geografio por infanoj.

Por ni la plej interesa fakto estas, ke la tuta laboro estos farita helpe de esperantistaj geinstruistoj kaj ke Esperanto servos kiel pontlingvo inter la skribaĵoj de la infanoj (kiam ili ne skribos rekte en la Internacia Lingvo) kaj la lingvo de la gazeto (serbo-kroata). Kaj tiu ĉi fakto estos akcentita en konvena formo.

Ŝajnas al mi ke la tuta entrepreno estos tre taŭga kaj efika kontribuo al la populariĝo de Esperanto en lernejaj rondoj. La lerneja Kampanjo bezonas tiajn batalilojn.

Por sukcesigi la ideon, mi afable invitas al kunlaboro geinstruistojn kaj aliajn personojn, kiuj havas la okazon tion fari.

Bonvolu peti la infanojn skribi, desegni kaj pentri pri iu ajn temo kiu koncernas la vivon: hejman vivon lernejon, laboron de la gepatroj, pejzaĝon, vilaĝon, kamparan aŭ urban scenon, ekskurson, feston, sporton aŭ ludojn. La pentraĵoj kaj skribaĵoj nepre estu faritaj spontane, neniukaze estu kopio kaj la tekstoj ne similu en formo kaj enhavo al tekstoj en lernolibroj aŭ turistaj prospektoj.

Ne forgesu ĉiam alsendi la plenan nomon de la infano, indikon pri la sekso, aĝo, adreso kiel ankaŭ la titolon de la pentraĵo, la klason kaj lernejon. Kiam eble, aldonu foton de la kunlaboranta infano, kaj ankaŭ de la instruist-in-o.

Ni kompensos ĉiun kunlaborantan infanon per albumeto pri Jugoslavio, kaj la kunlaboranto-peranto ricevos libro-donacon. Ankaŭ volonte ni sendos kvanton da pentraĵoj de jugoslavaj infanoj, laŭ peto.

Antaŭdankon al ĉiuj kunlaborontoj kaj sendu ĉion eble plej baldaŭ al

Tibor SEKELJ
Studenski Trg 10
Z A G R E B
===========

x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x=x

INTERNACIA LIGO DE AGRIKULTURAJ SPECIALISTOJ ESPERANTISTOJ (I.L.A.S.E.)

kiu grupigas internacie ĉiujn interesatoj pri agrikulturo en la kadro de U.E.A. aperigas trimonatan bultenon. Adreso de la redaktejo: ul.Oboriste 15 - Peŝtera (Bulgarujo).

En Francujo oni sin turnu al provizora peranto: Sro Maurice MOINDROT (fakdelegito de U.E.A. por terkulturado) en Domery par RIANS (18-Cher).

+=+=+=+=+=+=+=+=+=+=+=+=+=+=+=+=+=+=+=+=

Por viaj mallongaj korespondaĵoj, uzu la poŝtkarton eldonitan de la Grupo de Monako, kun dulingva teksto propaganda kaj verda stelo.

Sendu ilin al U.F.E. po 1 F. = 10

NIA FELIOTONO (4) (fino)
======================

PIKU! PIKU! KAMARADO!
====================

Internacia kaj Inter-erinaca dialogo franca-jugoslava verkita de R.IMBERT
-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:--

J.- Ĉu vi permesos, ke mi proponu al vi novan, kvankam al Dalmatano same kiel al Korsikano tre malagrablan temon: Laboro? Via sistemo estas terura, ĝi devigas vin al senĉesa vojaĝado kaj revojaĝado, kaj finfine vi perdas la tutan tagon laborante. Post la laboro restas tempo por nenio, ĉar je la sesa aŭ sepa horo jam estas tagfino. Eble sopiremo al la tiel agrable sufokanta "metro" pelas vin al dufoja taglaboro! Kvankam nur Parizo havas tiun gigantan haringo-peklejon!

F.- Du esencajn aferojn vi ne komprenis: francano amas sian edzinon, kaj amas ankaŭ alies edzinojn. Pro amo al la edzino, li revenas al sia hejmo tagmeze, pro amo al alies edzinoj, li poste reiras al sia oficejo. Kaj "Metron" ne tiom kritiku: ĝi estas ideala subtera kisejo!

J.- Ŝajnas ke kisado estas same ŝatata ĉe vi kiel manĝado kaj dormado. Tiuj tri konsistigas la bazajn elementojn de la vivo de francano.La tri bazaj elementoj de la vivo de jugoslavo estas laboro, ŝercado kaj politiko.

F.- Ĉe ni politiko kaj ŝerco tute intermiksiĝas, kaj malfacile estas diri, kie ili disiĝas! Ŝercon ni senkompromise preferas, tio estas videbla el la reliefplenaj vizaĝoj de niaj politikistoj!

J.- Ĉu ili estas pli malvirtaj ol la popolo, kiu plenigas ĉiuvespere Moulin-Rouge aŭ Folies-Bergères?

F.- Pardonu, sed vi misis, ĉar la vizitantoj de tiuj parizaj sanktejoj estas plejparte alilandanoj. Ne estas akuzo al Jugoslavoj: la enirprezo estas tro alta!

J.- Nu, ĉiel ajn niaj spektakloj estas pli decaj.

F.- Ĉu vi aludas eble pri la sukeco kaj la sukceso de la francaj filmoj en viaj kinejoj? Pri la altiraj (jugoesperanto: primamaj) filmoj kun nia eterna Brigitte? Ankaŭ ili, same kiel jugoslavaj filmoj, ĉefe enhavas temojn pri luktado tre popola, eĉ populara!

J.- Tamen, konfesu la kvaliton de niaj pupofilmoj! Vi tiajn ne havas!

F.- Kun Brigitte, pupan konsolon ni ne bezonas. Krome, same kiel vi, ni estas regulaj klientoj de la filmoj produktitaj kunlabore kun la Usona Sindikato de Vakeroj. Sed ni almenaŭ ne havas finofobion kaj restas ĝis la fino rigardantaj eĉ la plej stultan filmon.

J.- Temas pri manko de imagpovo, kaj distingoscio. Tamen, pri la unua oni ne povas tro akuzi vin, ĉar vi ja estas trafitaj de komencofobio.Vi ĉiam alvenas malfrue en la kinejon, tien vi povas eniri kiel en muelejon La sola kondiĉeto, krom havigo de bileto kiu kostas 5 frankojn estas almozdono de pliaj centimoj al senutila lokigistino.

F.- He, vi rajte fieras pro la malmultekosteco de viaj kinejoj: vintre ili estas revata loko por almozpetuloj. Ĉar ni jam parolis pri almozo, ni ne povas preterpase admiri la eltiriĝan sistemon de viaj knaboj, kiuj almozpetas por iri al kinejo, aĉetas bileton kaj je la lasta momento,kiam laŭ tre jugoslava kutimo, aliaj biletoj ne plu estas haveblaj ĉe la giĉeto, ili revendas la sian por la duobla prezo, kaj per

tiu mono aĉetas cigaredojn!

J.- Ĉu ne pli bone ol suĉfumi viburnaj vergetojn, kiel multaj senmonaj francaj junuloj? Cigaredoj estas malmultekostaj ĉe ni.

F.- Ĉar en ili enestas p l i da seka fojno ol da tabakfolioj Cetere, cigaredoj memorigas min pri tio, kio en Jugoslavio plej multe mirigis min. Ĉe tabakvendeja kiosko, antaŭ kelkaj tagoj, mi aŭdis klienton peti: kvin cigaredojn, skatoleton da alumetoj, unu poŝtmarkitan koverton kaj unu paperfolion. Kaj li tion tuj ricevis. En Francio, se ie vi petus kvin cigaredojn kaj unu koverton, ne nur vi perdus vian prestiĝon por via tuta vivo, sed oni tuj telefonus al la plej proksima stacio por Unua Helpo. Se en restoracio vi petus glason da akvo, oni tuj elĵetus vin, krom se vi estus pala kiel mortonto. Akvon vi povas ricevi, nur se vi pagas iun alian trinkaĵon.

Por reveni al niaj porkorespondaj necesaĵoj: kiam mi en librejo-paperejo aĉetis laŭ mia kutimo centon da kovertoj kaj centon da paperfolioj kun la kutima jugoslava "Bonvolu", kiu nedubinde pli ĝentile akompanas la transdonon de okjekto ol la franca "Jen, sinjoro",mi ricevis neatenditan demandon: "ĉu vi bezonas fakturon?"

J.- Ĉu tamen neniu portisto proponis al vi siajn servojn, kiam vi estis ekstere?

F.- Ne! Mi reiris hejmen per tramo. Parolante pri la Pariza metro, vi parolis pri la revo de fiŝopeklisto; parolante pri la zagreba tramo, mi ĉiam pensas, ke ĝi estus la revo de abel-bredisto. Rimarkinde estas observi novan zoologian kuriozaĵon: salt-abeloj! Estas vera spektaklo, kiam la ĉefkrabro-konduktoro zumsonorigas, kaj la abeloj kungluiĝas.Al li ne gravas la nombro de la svarmo. Venos aliaj svarmoj, la abeloj zorgu mem pri la alkroĉiĝo. Unu peton mi havus al ZET: rabaton porla verdaj abeloj.

J.- Nu, ni konsentu, unu sufokiĝejo aŭ alia egalvaloras. Sed vi, Franco,kial vi ne havas aŭtomobilon?

F.- Franca proverbo diras ke la vojo al infero estas pavimita per suferoj. Neniu Jugoslavo deziras iri al infero ĉar la vojoj estas ankoraŭ plej parte pavimotaj. Asfalto - la vorto - enpenetris la kroatan lingvon, asfalto - la materio - malmulte la landon. Pro tio mi ne havas aŭton Cetere, la aŭtoj, kiujn ni ĉi tie ĉiam pli vidas estas polvokamuflitaj aŭ koto-poŝumitaj kvazaŭ en atendo de tria mondmilito...

J.- Ŝajnas ke vi ŝtelis la tutan asfaltprovizaĵon por Francio, kaj lasis al ni nur koton kaj polvon!

F.- Eble tiel! Nu! ĉar ni prikonsideris jam kelkajn transportilojn ni venu al la trajnoj. Mi konstatis ke kelkfoje ili alvenas akurate. Interesa eltrovaĵo estas la ŝlosebla kupeo: ĝi furorus en Francio, se ĝi estus konata. Sed ĝi estas finfine iluzidona kuriozaĵo. La plej serĉata vojaĝloko restas la vagona tegmento. Ĉieralie pro kunpremiĝo vi riskas penetri en la transcendon. Cetere ekspedicio de unu landfino al alia estas barbokreskiga, ĉar ĝi daŭras, plurajn tagojn malgraŭ la meza grandeco de la lando.

J.- Tamen finfine, kara Francerinaco vi ne superos la tutan tempon Ni havas en Petrinjska-strato unu restadejon sen taŭga franca ekvivalento, la Ministerio pri Enlandaj Aferoj - kiu zorgas tute logike pri disdono de pasportoj al eksterlando!

F.- Gian laboremon kaj varmecon mi jam spertis. La vorto vizito enhavas la vorton vizo. Do, nenien sen vizo! Morti sen vizo estas severe malpermesite. Kaj mi opinias ke ĝuste pro tio Jugoslavoj estas, vere senmortaj homoj. Vizon ili ne bezonas. Jugoslavio estas la plej ĉarma lando en la mondo, ĉar en ĝi loĝas Jugoslavoj! Jes! Jes!.....

ROGER IMBERT
===========

# SERVICE DE LIBRAIRIE

## ETUDE & ENSEIGNEMENT

L'Espéranto, cet inconnu...... 1,25
Espéranto-Manuel.............. 8,oo
Esperanto, fil d'Ariane....... 14,00
Fundamento (p. de Albault).... 13,50
Lingvo kaj Vivo.....(bindita). 20,00
Lingvaj Respondoj (Zamenhof).. 7,50
Ludoviko en Nederlando........ 16,00
Ni parolu en Esperanto........ 4,80
Plena Gramatiko (vol.I)....... 12,00

## DICTIONNAIRES

Léger - Albault (F + E)....... 20,50
Waringhien (E + F)............ 33,00
Lexique Léger (E + F)......... 5,40
Naùlingva Leksikono (Bastien). 10,00
Plena Vortaro de Esperanto.... 15,00
Vocabulaire de poche (Bastien) 3,30

## HISTOIRE DU MOUVEMENT

Le Docteur Espéranto.......... 6,50
La Esperanto-Movado........... 3,00
La Internacia Lingvo.......... 8,50
Leteroj de Zamenhof (2 vol.).. 28,00
Originala Verkaro............. 18,00
Historio de la Lingvo Espº.... 8,50
Vivo de Zamenhof (Privat)..... 4,50
Zamenhof (M.Boulton).......... 19,00

## LITTERATURE

Angla Antologio............... 14,00
Akbar (Brouwer)............... 5,50
Aventuroj de Marteno Drake.... 4,50
Bildlibro pri Bestoj.......... 11,50
Dana Antologio................ 16,50
Eroj (M. Boulton)............. 12,50
Esperanta Antologio (Poemoj).. 21,50
Fabeloj de Andersen........... 15,00
Fabiola...........(broŝurita). 7,50
Ĝoja Podio (Schwartz)......... 6,00
Héros existentialistes........ 3,00
Invito al ĉielo............... 4,50
Kiel akvo de l'rivero (bind.). 19,00
La Marvirineto................ 10,50
Malsata ŝtono (R. Tagore)..... 16,00
La Naùzo (Sartre/Bernard)..... 20,00
Normandaj Rakontoj............ 17,00
La Dia Komedio................ 60,00
Peer Gynt (Ibsen)............. 11,20
Reĝo Edipo, Antigono.......... 10,00
La Revizoro (Gogol)........... 4,50
Sonĝe sub Pomarbo (Baghy)..... 10,00
Taglibro de Anne Frank........ 11,50
Topaze - ŝipego "Tenacity"... 10,00
Tartarin de Taraskono......... 7,00
Virineto en Bluo.............. 3,30
Vitralo (J. Francis).......... 6,00

## RELIGION & PHILOSOPHIE

Tio, kion mi kredas (Rostand) 3,00
Maksimoj (La Rochefoucauld).. 2,00
La Nova Testamento............ 3,50
La Sankta Biblio.............. 12,00
La Vivo de N.S.Jesuo (Dickens 5,00

## GEOGRAPHIE et VOYAGES

Aùstralio lando k. popolo.... 3,50
De Parizo al Lazura Marbordo. 1,80
Ekspedicio Kon-Tiki........... 18,50
Kanako el Kananam............. 11,00
La bela subtera Mondo......... 10,00
Nepalo malfermas la pordon... 15,00
Pariza gvidlibro ilustrita... 3,00
Ŝipestro rakontas............. 8,50
Tempesto super Akonkagvo..... 11,00

## ARTS SCIENCES TECHNIQUES

Atakoj kontraù ĝardenplantoj. 15,50
Amuzo per Scienco............ 6,00
Retoriko............(Lapenna 16,50
Sekretoj de la Marestaĵoj.... 7,50
Vivo de la Plantoj........... 11,50

## DISQUES

Cours complet (6 disques plus
(7 livrets..... 84,00

Frais d'expédition et de poste:
20% jusqu'à 10 F. - 15% jusqu'à 20F. et 10% au-dessus. Les ordres sont à adresser avec les fonds à UFE: 34, rue de Chabrol - Paris (IOème)
C.C.P.PARIS 855-35

S.I.T.E.C. Imprimeur 188 Fbg St-Denis PARIS IO     Le Gérant: J.GUILLAUME